# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
15-a jaro N-ro 1 (56) oktobro 2016

**Enhavo**



**Kovrilfoto:** fotita en Qinyuan-gubernio, Fushun, Ĉinio.

## Funkciuloj de La Projekto Ĝemelaj Urboj

S-ro Mark Fettes, prezidanto de UEA
S-ino Barbara Pietrzak, estraranino de UEA, ĉefa respondeculino pri la ĝemelurba agado en la subteamo Monda Evoluo
S-ro Stefano Keller, estrarano de UEA pri Monda Evoluo, Konsciigo: Komisiono pri Rilatoj kun Internaciaj Organizaĵoj (KRIO), Ĝemelaj Urboj
S-ino Veronika Poór, ĝenerala direktorino de UEA
S-ro Wu Guojiang, la komisiito de la projekto

## Kunlaboremuloj de la projekto

Je la kontinenta agado pri Ĝemelaj Urboj nun tri samideanoj volonte kunlaboras kun la projekto.
**Afriko**: s-ro Hassano Ntahonsigaye el Burundo ĉefe peras priajn informojn, retadreso: ntahonsigayea@yahoo.fr
**Azio:** s-ro Hori Yasuo el Japanio, helpas kaj raportas koncernajn agadojn, retadreso: hori-zonto@water.sannet.ne.jp
**Eŭropo:** s-ro Luigi Fraccaroli el Italio, akcelas kontakton inter ĝemelaj urboj per evoluado kaj fortigado de personaj ĝemelrilatoj, retadreso: luigi.fraccaroli@esperanto.it

## Respondeculoj de Landaj Asocioj Pri Ĝemelaj Urboj

**Ameriko**
Argentino: s-ro Jorge Enrique Cabrera, retadreso: jeccenter@gmail.com
Kubo: s-ro Miguel Ángel González Alfonso, retadreso:miguelangel@esperanto.co.cu
**Azio**
Mongolio: s-ro Chimedtseren Enkhee, retadreso: enchjo@yahoo.com
Pakistano: s-ro Jawaid Eahsan, retadreso: saluton123@yahoo.com
Vjetnamio: s-ro Nguyen Xuan Thu, retadreso: autuno32@gmail.com
**Eŭropo**
Finnlando: s-ro Robert Bogenschneider
Francio: s-ino Raymonde Coquisart, retadreso: raymonde.coquisart@yahoo.fr
Nederlando: s-ro Pieter Engwirda, retadreso: pieter.engwirda@gmail.com

## Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

**Redaktoro**: s-ro Wu Guojiang
Adreso: Fushun Xinfu-Qu, Qianjin-Lu, 45-Hao, 113015 Fushun, Liaoning, Ĉinio.
Telefono kaj Fakso:+86-024-52650322;
Retadresoj: ghemelurboj@sina.cn amikeco999@21cn.com
**Provlego**: s-ro Robert Bogenschneider, retadreso: robog@gmx.de
**TTT-paĝo**: www.esperanto.fi/ghemelurboj/

NOVAĴO

**Juna Ĝenerala Direktorino, juna funkciulino**



Unu el la plej allogaj novaĵoj dum la centa Univarsala Kongreso okazinta en 2015 en la franca urbo Lillo estis la decido de la Estraro de UEA pri la nova Ĝenerala Direktoro. La sukcesinto estas la 32-jara Veronika Poór, bela esperantistino el Hungario.

Veronika Poór doktoriĝis pri fiziko en la kampo de nanoteknologio. Ŝi kunfondis la retradiokanalon Muzaiko kaj ŝi estas estrarano de TEJO pri Aktivula Trejnado, Eksteraj Rilatoj, Homaj Rimedoj kaj Scienca kaj faka agadoj. En tiu rolo ŝi interalie verkis kaj kunverkis kvin retajn trejnadojn de TEJO, ŝi estis elektita por la Konsila Konsilio pri Junularo de la Konsilio de Eŭropo, ŝi superrigardis la kreadon de nova enkonduko por novaj membroj kaj ekorganizis Sciencajn Prelegsesiojn. Aldone ŝi grave kontribuis al la verkado de sukcesaj subvencipetoj de TEJO.

Post la plena transiro kun s-ro Osmo Buller ŝi jam formale oficas en la Centra Oficejo de UEA kaj kiel funkciulo partoprenas en la projekto Ĝemelaj Urboj. Okupata de aliaj aferoj, ŝi kaptis tempon kelkfoje interŝanĝi kun la komisiito. El ŝiaj mesaĝoj klariĝas, ke ŝi tre atentas kaj zorgas pri la projekto, eĉ donis al la estontaj efikaj laboroj bonajn proponojn, ekz. kompletigi strukturon de la projekto, diskuti voĉe aŭ videe, sufiĉe utiligi la gazetarojn de UEA (ekz. Gazetara Komuniko) por disvastigi la projekton (ekz. reklami pri agadoj de la projekto). Estas pli valore por ŝi kolekti kaj peri diversajn informojn pri ĝemelaj urboj . Estas tute kredeble ke juna Veronika Poór alportos al la projekto Ĝemelaj Urboj freŝan vivecon.

La komisiito

**Salutvortoj al Osmo Buller**



Antaŭ starigo de la projekto Ĝemelaj Urboj mi havis kontakton kun s-ro Osmo Buller, kaj lernis de li ion valoran kaj favoran al mia laboro, i.a. lia iniciatemo kaj persistado en laboro estas plej lernindaj, Malferma Tago de la Centra Oficejo (ekde 1994) kaj Gazetaraj Komunikoj (ekde 1998) estas la plej bonaj modeloj de liaj sukcesaj iniciatemoj. Iagrade mi estas animita kaj influita de lia laborstilo. Tion plej pruvas ke mi kreis la retan bultenon Informilo de Ĝemelaj Urboj por la projekto nelonge post konfirmo de UEA al mia komisiiteco en 2002.

Aliaflanke mi tre ŝatas teni kontakton kun li pro tio ke li faras per praktikaj agadoj, sed ne per buŝo. En januaro 2002 Osmo Buller estis proklamita La Esperantisto de la Jaro 2001. La Ondo de Esperanto faris al li intervjuon kun la temo "Demokratio kiel aktiviga forto". Kun admiro al li mi tradukis la intervjuon en la ĉinan lingvon per alia temo "Ĉu UEA bezonas iajn reformojn?" kaj aperigis ĝin en n-ro 1/2002 Verda Stelo, organo de LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio), kiun mi

vicprezidas. Ĝi estas la unua "longa" Esperanta artikolo kiun mi ĉinigis kaj publikigis, vidu fotojn.

Retrorigardante la evoluan vojon de la projekto Ĝemelaj Urboj s-ro Osmo Buller neniam ĉeestis la kunvenon de Ĝemelaj Urboj, sed li tutkore prizorgas, subtenas kaj emfazas la projekton Ĝemelaj Urboj, kaj al ĝi faris gravajn kontribuojn. Frue en 2004, kelkajn tagojn post reveno al la Centra Oficejo, li kontaktis min pri la projekto kaj kelkfoje, spite al tio, ke li havis multajn urĝajn taskojn inkluzive de la 89-a UK okazonta en tiu jaro en Ĉinio. En la 22-a de junio 2004 li sendis al mi kun titolo "Instigaj salutoj". En ĝi li skribis: "···En mallonga tempo vi sukcesis fari mirindan laboron, kies plej sentebla signo estas via reta bulteno. La bulteno kunigas jam multajn aktivulojn tra la tuta mondo kaj estas por ili riĉa fonto de ideoj,ĉar ĝiaj raportoj ebligas al ĉiu leganto lerni el la spertoj de aliaj agantoj···" Ni ankaŭ priparolis la preparon de la 1-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj dum la 89-a UK, li transsendis al mi informojn pri du esperantistoj, nome s-ro Pieter Engwirda el Nederlando kaj s-ino Eni A. Oliveira el Brazilo, kiuj interesiĝas pri ĝemelaj urboj.

S-ro Osmo Buller legis ĉiun numeron de Informilo de Ĝemelaj Urboj kaj multfoje donis rimarkojn kaj proponojn. Ankaŭ ĝuste pro aktiva konsidero de li kaj s-ro Probal Dasgupta al mia propono tiuj, kiuj ne povas legi la bultenon Informilo de Ĝemelaj Urboj en reto, povas ricevi la paperan ekzempleron rekte el la Centra Oficejo.

Retrorigardante la vivon de Osmo Buller oni nemalfacile trovas ke li kontribuis la plej belan tempon al Esperanto. Fortune la projekto partoprenis en lia bela tempo ankaŭ. Ĉi tie en la nomoj de mi kaj de la projekto mi esprimas elkoran dankon al s-ro Osmo Buller, kaj bondeziras al li sanon kaj feliĉon, atendas pli da kontribuoj el li al Esperanto. Mi sufiĉe kredas ke Osmo Buller ankoraŭ priatentas kaj subtenas la projekton.

La komisiito

## Kondolenco al s-ro Michael Cwik

Michael Dieter Cwik, emerita oficisto de la Eŭropa Komisiono, naskiĝis la 29-an de aprilo 1940 en Hamburg, forpasis lundon la 29-an de februaro 2016 pro grava sango-malsano.

El la vidpunkto "eŭropa unueco" li aliris Esperanton. Kiel germana esperantisto de pluraj jardekoj vivanta en Belgio li organizis, partoprenis kaj subtenis diversajn aktivecojn. i.a. lian organizan kapablon plej reprenzentas lingvo-kaj komunikad-eksperimento kaj fondo de



lingva rondo nomita france “Amis de la langue internationale Esperanto”. La eksperimento pruvis, ke oni vere povas akiri bazan komunikad-eblecon en planlingvo kiel Esperanto ene de dusemajna feriado. La rondo realigis kunlaboron.

Lian kontribuon al la Esperanto-movado pruvis tio ke li estis unu el la unuaj membroj de Internacia Komerca kaj Ekonomia fakgrupo (IKEF) kaj multfoje aliĝis al UK-oj.

Lian subtenon al la projekto Ĝemelaj Urboj elmontris lia entuziasma partopreno. Mi havas kvalifikon diri tiel, ĉar antaŭ starigo de la projekto Ĝemelaj Urboj en 2002 ni komencis interŝanĝon unu kun alia, kaj la unua temo de interŝanĝoj estas ĝemelurba agado.

Mi memoras ke reaginte al mia alvoko “Letero al esperantistoj el ĝemelaj urboj ”, kiun mi iniciatis en ĝemelaj urboj de la ĉina provinco Liaoning en 1999. Poste li speciale sendis al mi dokumenton (en la angla lingvo) pri la projekto ECHANGE koncerne ĝemelajn urbojn. En la 29-a de majo 2002 li priparolis en lia mesaĝo la ĉefajn ideojn de la projekto:

1. organizi lingvajn eksperimentojn inter ĝemelaj urboj (2 semajnoj) laŭ mia propra sperto de nia eksperimento en Windischgarsten 1983;

2. kunvenigi profesiajn grupojn de ĝemelaj urboj kun pli ol 3 lingvaj originoj diversaj por vidi se ili povus baze komuniki inter ili post 2 semajnoj;

3. uzi esperantistojn en la ĝemelaj urboj por instigi la instancojn, eble organzi la eksperimentojn kaj esti helpemaj en serĉado de esperantaj instruistoj;

4. profiti de la financa subteno dum la jaro de lingvoj.



·会员译稿·

# 关于欧联盟组织的语言年 ECHANGE 计划

Michael Cwik 著 Wu Guojiang 译

（译者按）Michael Cwik 先生不仅是一位欧联盟官员，而且也是一位致力于在欧联盟中推广和使用世界语的活跃世界语者。他提出的有关在欧联盟的友好城市和乡村中进行世界语实验计划，即 ECHANGE（原文为英语），不仅适合于欧联盟国家，也适合于欧联盟以外的区域。

它的基本宗旨与辽宁世界语协会提出的《关于向友好城市中世界语者的建议》是不谋而合的。ECHANGE 已被世界语者译成法语、意大利语和荷兰语。目前，在 Michael Cwik 帮助下我们开始同欧洲友好城市办公室有了接触。为了让世界语者更好地了解 ECHANGE 计划内容，现将其译成汉文。国际世界语经贸集团总裁 F.J.Braun 先生对沟通 ECHANGE 计划和《关于向友好城市中世界语者的建议》两项活动给予了热情支持，在此表示衷心感谢。

ECHANGE 计划是关于在有两种以上语言，各自有不同语言背景的区域内拥有伙伴关系的姐妹城镇和姐妹村之间进行两个星期有关交流和语言方面的实验。

ECHANGE 代表这种想法：是在交往中帮助管理层和非政府交流的一项实验（Experiment in Communication Helping Administrative and Non－Governmental Exchange）

1. 背景

欧联盟中的许多城镇和乡村与不止一个伙伴城镇或乡村有合作协议，而且经常是与有两种以上不同文化和语言背景的伙伴城镇或乡村有合作协议。

如果一个伙伴不能用自己的母语来表达自己，而另外的伙伴又不能理解他的语言，那么在姐妹城镇和姐妹村之间的会议上的交流就会不平等而有差别。这种情况下多数是选择一个伙伴的语言（通常定性为支配语言），而这种语言又为所有伙伴懂得和接受。

2. 实验目的

·能够为有两种以上语言背景的姐妹城镇和姐妹村的人们的联系和交流找到一个共同的、没有差别的交往平台。

·促进这些姐妹城镇和姐妹村的专业会议、公共事物、私人事物的交流。

·通过这项实验为文化间交流创造确有价值的经验，以此鼓励学习其母语不是国际交往中常用语言的一个特殊伙伴的语言（支持语言学习多样化理念）。

3. 实验说明

在自愿的基础上，三个以上姐妹城镇中的一个伙伴为所有存在伙伴关系的城镇和乡村的特殊管理人员、专业人员、知识分子、运动员或非公利群体提供和组织至少两星期的交流和语言实验（例如，管理层最高领导、市长及其亲密共事官员、地方管理层的特殊部门、消防队员、教师、青年团体代表、旅行社工作人员、公共交通运输部门的工作人员以及其它有共同利益的团体），向参加者挑战式提出这样问题：以一种计划的或者中立的桥梁式语言为基础，在两星期内就基本日常事务与来自其它姐妹城镇和姐妹村的伙伴交流成功了吗？

4. 方法

在采用直接说的方法基础上，一个参加人数不超过 15－20 人的团体在第一星期内采用象"国际语/世界语"这样一种计划语言的结构和十六条语法规则进行语言基本结构和语法培训；第二星期进行演说和介绍，尤其在团体利益特殊领域，这将有助于提高参加者锻炼说的能力。因为这项试验在大量的统计基础上还能进一步证实 1993 年在奥地利由一组欧洲委

★绿星 2002 年第一期★ 19

Eblas diri, ke tiam ĝi estis unu el du dokumentoj pri Esperanto kaj ĝemelaj urboj, kiujn mi povis ricevi kaj legi kiam mi komencis entrepreni la ĝemelurban agadon enkadre de Esperantujo. Alia estis “Partneraj urboj: senfina rubando de amikeco”fare de s-ro Annsibyll Kamphausen kaj aperinta en la gazeto MONDA FORUMO. Mi ĉinigis kaj aperigis la artikolon de s-ro Cwik en Verda Stelo, organo de LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio,Ĉinio), kies respondeca redaktoro mi tiam estis, vidu foton. Li estas unu el la fruaj subtenantoj de la projekto Ĝemelaj Urboj,

kaj multfoje ĉeestis al la Kunveno de Ĝemelaj Urboj kaj kelkfoje donis proponojn, eĉ unu monaton antaŭ lia forpaso ni diskutis pri lia propono kiel praktiki Lingvo-Ambasadorojn, nome projekto por plibonigi la komunikadon inter ĝemeligitaj urboj kun tri kaj pli da lingvo-diversaj partneroj ene de la Eŭropa Unio.

Li faris aktivajn kaj signifajn kontribuojn al la projekto Ĝemelaj Urboj. En la 5-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj dum la 94-a UK s-ro Michael Cwik substrekis tri avantaĝojn de esperantistoj pri ĝemelurba movado, nome, a) Unu lingvo (Esperanto) estas sufiĉa por la kontakto, b) Esperantistoj estu lingvaj ambasadoroj, c) La plej bona maniero vigligi la movadon estas kontakti instruistojn.

Forpaso de s-ro Michael Cwik estas granda perdo ne nur por la monda Esperanto-movado, sed por la projekto Ĝemelaj Urboj. La projekto memoras liajn kontribuojn eterne.

Michael Dieter Cwik, pacon.

La komisiito

## Kondolenco el Mark Fettes

Ankaŭ mi funebras la forpason de la afabla kaj energia s-ro Cwik, kiu dum jaroj estis ano de Societo Zamenhof kaj regula kontribuanto al strategiaj diskutoj en la kongresoj. Li kapablis arde argumenti por la propra starpunkto kaj samtempe resti bonhumora kaj amikema kun la malsamopiniantoj. Bela hom-modelo por niaj pacaj batalantoj!

## Kondolenco el Probal Dasgupta

Mi estis fano de Michael Cwik, kaj aŭdas kun persona bedaŭro pri lia forpaso.

Al mi estis aparte frapaj du el liaj ofte esprimitaj starpunktoj. Mi volas rememori ilin, nun kiam li pasis en memoron.

Li forte apogis la principon de “subsidiareco”, laŭ kiu demandoj solveblaj en loka aŭ kiel eble plej loka medio estu solvataj tie. Li pensis, ke demokratioj devus funkcii per lokaj suverenecoj. Oni apelaciu al la pli alta suvereneco de pli granda geografia (aŭ organiza) teritorio nur kiam tio fariĝas necesa pro la bezono interligi pli ol unu lokan suverenecon. Al li, kiu firme kredis al la Europa Unio, la rolo de la plej grandaj strukturoj -- ekz de EU mem -- estas defendi la lokajn suverenecojn kontraŭ la hegemoniemo de la naci-ŝtato. Utilas tiu penso, kontraŭpunkte al la tre disvastiĝinta kredo ke grandega strukturo kiel EU estas tro peza kaj havas tro da povo. (Mi ja ne volas diri, ke tiu kredo estas simple 'erara'; debatoj kutime ne estas tiel simplaj.)

Michael krome insistis pri la rajto de la nomoj de lokoj resti ĝuste tiaj, kiel la lokanoj skribas ilin (kun minimuma universaligo, ekz per transskribo en latinaj literoj, tamen sen asimilo al la gramatika sistemo de Esperanto; li tial insistis, ke ni skribu Warszawa kaj ne Varsovio). Kvankam tiun lian ideon multaj el ni trovis ekstrema, aprezindas la spirito motivanta ĝin. Michael forte kredis je la loka suvereneco ankaŭ en aferoj rilatantaj al lingvoj kaj nomoj. Certe homoj uzantaj asimilitajn nomformojn en Esperanto povas ion lerni de li sen tute forĵeti la propran laborstilon. Akcepti liajn ideojn parte, surbaze de nia propra juĝpovo,

estos inda omaĝo al lia verva sed (kiel Mark jam diris) ĉiam modera debatemo.
Kunfunebre.

### Kondolenco el Michela Lipari

Mi estas ŝokita pro la informo; mi ne povas imagi kongreson sen lia alta, svelta figuro paŝanta tra la salonoj kaj filmante!

Saluton Michael, kie ajn vi nun estas

Kunfunebras.

## URBESTRO KAJ ESPERANTO

### Renkontiĝo kun urbestro



La 19-an de januaro 2016 la urbestro de la pola urbo Slupsko, Robert Biedroń, (de dekstre: la unua sur la donita foto) renkontiĝis denove en sia Urba Oficejo kun prezidanto de Pola Asocio Eŭropo - Demokratio - Esperanto (EDE-Pollando), Eduardo Kozyra, kaj i.a. sekretario de EDE, Mariusz Borysiewicz kaj Stanisław Bekier. Dum la labor-kunsido oni priparolis la vernisaĝon de la Senata E-ekspozicio en la Urbodomo, eldonadon de E-prospektoj pri la urbo Slupsko kaj promesis helpi skribi projekton de la E-konferenco en Slupsko kadre de la Baltia Regiono. Li ankaŭ promesis konvinki kelkajn parlamentanojn al la pola Parlamenta Grupo Apoganta Esperanton (PGAE) de la nuna ofic-periodo.

El Eŭropa Bulteno Januaro 2016, No 156 kaj https://eo.wikipedia.org/wiki/Słupsk

### La urbestro subskribis nomumon de strato de Ludwik Zamenhof

La 19-an de februaro Vladimir Mikolajenko, la urbestro de la Ukrainia urbo Ĥerson, subskribis dokumenton pri ŝanĝo de 93 nomoj de stratoj, placoj, parkoj k. s. en la urbo kadre de la senkomunismiga geografi-noma kampanjo, realigata en Ukrainio. Pro ĉi tiu decido sur la mapo de Ĥerson aperis strato Ludwik Zamenhof. Antaŭe ĝi havis la nomon de Dimitr Blagoev, fondinto de la Bulgara Laborista Socialdemokratia Partio, kiu en 1919 transformiĝis al la Bulgara Komunista Partio kaj Blagoev iĝis la unua prezidanto de ĝia Centra Komitato. La nova nomo de la strato Blagoev estas elektita ne hazarde:

En novembro 1889 la 29-jara Lazarj Markoviĉ Zamenhof eklaboris en Ĥerson kiel okulkuracisto, sed, ne sukcesinte konkurenci kun sia kolegino, en majo 1890 li forlasis ĉi tiun urbon kaj revenis al Varsovio. Sian restadon en Ĥerson Zamenhof mem jene prezentis en sia fama letero al Alfred Michaux, skribita la 21-an de februaro 1905.

Tre malĝoja estis tiam mia vivo. Mi devis forlasi Varsovion kaj serĉi mian panon en ia alia loko. Mia edzino devis forveturi kun mia infano al sia patro kaj mi veturis (en novembro 1889) en la urbo Ĥerson (suda Rusujo), kie ne estis okulistoj [tie estis nur unu okulistino], kaj kie mi tial esperis trovi panon por mia familio. Sed mia espero min terure trompis: miaj tieaj enspezoj ne sole ne donis al mi eblon nutri mian familion, sed eĉ por mi mem ili ne sufiĉis malgraŭ mia tre modesta kaj tre avara maniero de vivado! Mi simple kaj litere, ofte, ne havis eĉ kion manĝi: tre ofte mi restadis sen tagmanĝo! Nek mia edzino, nek miaj parencoj ion sciis pri tio ĉi, ĉar mian edzinon mi ne volis malĝojigi, kaj en miaj leteroj mi konstante konsolis ŝin, ke estas al mi tre bone, ke mi havas tre bonajn esperojn, ke mi baldaŭ venigos ŝin al mi k.t.p. Tamen fine mi ne povis jam pli elteni kaj mi devis konfesi al mia edzino la tutan mian staton. Mi estis tiam ankoraŭ tro fiera, por akcepti de iu monan helpon; tamen la malĝojeco kaj la insistaj petoj de mia edzino devigis min akcepti monan subtenadon de mia bopatro (kiu tiam kaj ankaŭ poste neniam rifuzadis al mi sian helpon kaj elspezis por mi tre multe da mono) kaj mi revenis Varsovion, esperante, ke nun mia kuracista praktiko iros pli bone. En Majo 1890 mi revenis Varsovion.

El http://sezonoj.ru/2016/02/zamenhof-8/#more-8400

## URBA STILO KAJ TRAJTO

### Sarajevo invitas UK-on





Sarajevo, multkultura metropolo, fondiĝis en 1462. Ĝi estas ĉefa kaj la plej granda urbo de la ŝtato Bosnio kaj Hercegovino. Ĝi spertis du mondmilitojn, eĉ estis komencejo de la unua mondmilito.

La Esperanta movado en la urbo aktivas ekde 1910. Ĝi kulminis inter 1970 kaj 1991. En 1994-1995 la ŝtata Radio-Bosnio kaj Hercegovino elsendis programon "Esperanto el Sarajevo". Elektitaj artikoloj el la elsendoj aperis en la libro "Spite al ĉio - Bosnio".

Kiel urbo-kandidato por la 103-a UK Sarajevo bonvenigas esperantistojn kaj ĝia ĉefurbestro prof. d-ro Ivo Komšić (vidu la foton) faris varman inviton. Li diris: "Mi kore invitas Universalan Esperanto-Asocion kaj esperantistojn de la mondo ariĝi en 2018 en Sarajevo, la urbo kiu per la gastamo, simpatiemo kaj subteno de siaj civitanoj faros ke via laboro kaj la restado estu agrablaj kaj memorindaj."

Laŭ vikipedio Sarajevo havas ĝemelan rilaton kun Barcelona en Hispanio, Zagreb kaj Dubrovnik en Kroatio, Ljubljana en Slovenio, Salt Lake City en Usono, Cairo en Egiptio, Lillehammer en Norvegio, Skopje en Makedonio, Konya en Turkio kaj Rasht en Irano. Krome ĝi havas 30 fratajn urbojn en 20 landoj.